Esperanto servu pacon!

AKTUALE

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1977/78 N^o^2(46) Oktobro

# DECIDOJ
## DE LA 11-A KONFERENCO DE SEJM-KONSILANTARO

1. Konfirmi kiel venkintojn de la socialisma konkurado en la kategorio "A" la klubojn de Klaipeda, Riga, Krasnojarsk.
2. Konfirmi kiel venkinton de la socialisma konkurado en la kategorio "B" la klubon de Tjumenj.
3. Konfirmi kiel venkinton de la socialisma konkurado en la kategorio "C" la klubon de Omsk.
4. Konfirmi kiel venkinton de la socialisma konkurado inter la kluboj-kandidatoj tiun de Permj.
5. Premii ĉiujn venkintojn de la socialisma konkurado per valoraj donacoj.
6. Promocii al kluboj-membroj la klubojn de Permj, Magnitogorsk, Petropavlovsk-Kamĉatskij, Angarsk.
7. Kandidatigi al SEJM la E-klubojn de Lvov, Jerevan, Pärnu.
8. Transigi pro nesufiĉa aktivado kaj manko de disciplino la klubojn de Kapsukas, Liepaja, Sterlitamak, Viljandi al kluboj-kandidatoj.
9. Pro neaktivado kaj nedisciplinemo eksigi el SEJM la E-klubojn de Birsk, Kedainiai, Tallinn, Velikije Luki.
10. Mallaŭdi pro neaktivado kaj nedisciplinemo la klubojn de Maĥaĉkala kaj Tula.
11. Riproĉi pro maldiligenteco la klubojn de Siktivkar, Magnitogorsk, Kujbiŝev, Kaunas, Talgar, Ĉeljabinsk, Ustj-Kamenogorsk, Ĥmelnickij, Meĵdureĉensk, Doneck, Leningrad, Barnaul.
12. Distingi per librodonaco la plej aktivan kluban subtenanton de SEJM dum la agadjaro - la E-klubon de Poltava.
13. Taksi la laboron de SEJM-Komitato "kontentige".
14. Elekti la novan SEJM-Komitaton en jena konsisto:
    - prezidanto - Melnikov A.S.;
    - unua v/p - Medinŝ A.V.;
    - v/p pri sekretariaj aferoj - Jegorovas P.K.;
    - v/p pri financaj aferoj - Cibulevskij D.M.;
    - v/p pri fakaj aferoj - Sapoĵnikov V.S.;
    - v/p pri renkontiĝoj - Novikova L.L.;
    - v/p pri interna informado - Aroloviĉ V.S.
15. Elekti la revizian komisionon en konsisto de:
    - A.Toomsalu - revizoro de SEJM, prezidanto de RK;
    - V.Bespalov - membro de RK;
    - T.Bercis - membro de RK.
16. Taksi pozitive la funkciadon de jenaj fakoj kaj servoj: kolektanta, korespondа, naturamika, scienc-teknika, poezia, interlingvistika, propaganda.
17. Taksi negative la funkciadon de jenaj fakoj kaj servoj: bibliografia, historia, kanta, magnetofona, metodika, sociologia.
18. Kunigi la kantan kaj poezian fakojn al Belarta fako.
19. Kunigi la lernejan kaj metodikan fakojn al Instrua fako.
20. Likvidi naturamikan fakon, transdonante la funkciojn al la scienc-teknika fako.

21. Provizore likvidi sociologian fakon.
22. Ŝanĝi la titolon de propaganda fako al Populariga.
23. Fondi Fotoservon.
24. Konfirmi la gvidantojn de la fakoj kaj servoj:

Belarta - Bronŝtejn M.G.
Bibliografia - Cvetkova V.P.
Fota - Grebenjuk V,G.
Historia - Ĥarkovskij A.S.
Instrua - Smetanina S.V.
Interlingvistika - Kolker B.G.
Kolektanta - Baniulaitis V.Z.
Korespondа - Neilande S.E.
Magnetofona - Gaidamavičius S.J.
Populariga - Kuprienko A.V.
Scienc-teknika- Gonĉarov A.J.
Traduka - Ebel V.A.

25. Komisii al SEJM-Komitato ellabori regularon de fakoj kaj servoj de SEJM.
26. Konfirmi la perspektivan laborplanon de SEJM kun proponitaj ŝanĝoj kaj aldonoj.
27. Plialtigi la internacian laboron de SEJM-kluboj.
28. Determini kiel ĉefan agaddirekton de SEJM por la agadjaro 1977/78 la soci-utilan laboron.
29. Reeldoni Jarlibron de SEJM, varbfo ion kaj instrukcian leteron por la subtenantoj.
30. Aprobi la eldonadon de la informilo "Kurte" kaj daŭrigi ĝin. Konfirmi kiel redaktoron de "Kurte" k-don V.Ŝilas.
31. Komisii al SEJM-Komitato ellabori la buĝeton de SEJM por la agadjaro 1977/78.
32. Eldoni Gvidlibron de aktivulo.
33. Eldoni Jubilean Libron pri SEJM.
34. Rajtigi la Komitaton en necesaj okazoj koopti novajn komitatanojn.
35. Esplori eblecojn por organizo de metodika seminario.
36. Kompili albumon pri SEJM donace al la XI-a Mondfestivalo de Junularo en Havano.
37. Stimuli letersendadon cele al eldono de olimpika E-frazlibro okaze de la Olimpikaj Ludoj en Moskvo.
38. Aprobi la organizon de du tendaroj (OkSEJT, OrSEJT) kaj daŭrigi ĝin kun laŭeble kvintagaj paroligaj periodoj.
39. KM de OrSEJT-20 estu la klubo de Barnaul, KD - tiu de Krasnojarsk.
40. KM de OkSEJT-20 estu la klubo de Maĥaĉkala, KD - tiu de Novomoskovsk.
41. La 12-an Konferencon de SEJM-Konsilantaro organizu la klubo de Barnaul.
42. KE por OrSEJT-21 estu la kluboj de Talgar kaj Krasnojarsk.
43. KE por OkSEJT-21 estu la klubo de Kievo.
44. Komisii esplori eblecojn organizi SEJM-Festivalon en 1980 al la kluboj de Vilnius kaj Ufa.
45. Komisii la kontrolon pri plenumo de tiuj ĉi Decidoj al la Prezidanto de SEJM.

Poltava, la 17-an de aŭg. 1977.

PERSPEKTIVA 5-JARA LABORPLANO DE SEJM
(aprobita de la 11-a Konferenco de SEJM-Konsilantaro)

1. Konstante levi la ide-politikan nivelon de E-junularo.
2. Utiligi Esperanton por propagandi la sovetan ideologion kaj la kulturojn de sovetaj popoloj okaze de gravaj internaciaj aranĝoj (ekzemple, Olimpikaj Ludoj en Moskvo).
3. Restarigi normalajn kunlaborajn rilatojn kun la E-Komisiono de SSOD.
4. Atingi, ke ĉiuj aktivaj E-fortoj en Sovetio agu unuece kun SEJM.
5. Laŭeble fondi E-klubojn en: a) ĉefurboj de uniaj respublikoj;

b) ĉefurboj de aŭtonomaj respublikoj; c) regionaj kaj provincaj centroj.

6. Stimuli interlingvistikajn sciencajn esplorojn, kontribui al la agado de la Problema grupo pri interlingvistiko.

7. Kompili E-fakterminarojn, bezonatajn en diversaj sferoj de socia vivo, kaj klopodi pri ilia aperigo.

8. Firmigi kaj vastigi ligojn inter SEJM-kluboj kaj E-kluboj de socialismaj landoj.

9. Modernigi kaj variigi formojn kaj enhavon de amasaj aranĝoj por E-junularo.

10. Klopodi pri eldono de E-lernolibroj, vortaroj kaj aliaj instrumaterialoj.

11. Fondi tutlandan reton de korespondaj E-kursoj.

NOVA KONSISTO DE LA KLUBAJ KATEGORIOJ

Laŭ la rezultoj de la socialisma konkurado en la agadjaro 1976/77 la SEJM-kluboj distribuiĝas laŭ kategorioj jene:

Kategorio "A" - Klaipeda (1814 poentoj), Riga (1732), Krasnojarsk (1393), Ufa (1350), Tjumenj (1189), Omsk (1046), Vilnius (1022).

Kategorio "B" - Moskvo (982), Kievo (962), Leningrado (850), Poltava (721), Miass (645), Tiĥvin (593), Salavat (558), Ivanovo (531), Ĥarkov (506).

Kategorio "C" - Barnaul (468), Rostov-Don (462), Zaporoĵje (393), Permj (342), Novosibirsk (340), Doneck (337), Angarsk (328), Soĉi (324), Ĉeljabinsk (309), Talgar (302), Kaŭnas (301), Sizranj (294), Kujbiŝev (270), Ustj-Kamenogorsk (259), Meĵdureĉensk (256), Ĥmelnickij (155), Novomoskovsk (133), Petropavlovsk-Kamĉatskij (128), Magnitogorsk (127), Maĥaĉkala (0).

Kluboj-kandidatoj - Siktivkar (65), Viljandi (0), Sterlitamak (0), Liepaja (0), Kapsukas (0), Tula (0), Lvov, Jerevan, Pärnu.

POENTIGO DE LA DUMTENDARAJ AKTIVECOJ

La Komitato de SEJM pridiskutis aktivecon de SEJM-kluboj dum SEJToj kaj decidis pri jena poentigo:

OrSEJT-19: Barnaul, Miass, Moskvo, Tjumenj, Ufa, Ustj-Kamenogorsk - po 40, Kujbiŝev, Riga - po 30, Salavat, Krasnojarsk, Sizranj, Permj - po 25, Ĉeljabinsk, Novosibirsk - po 20, Doneck, Meĵdureĉensk, Omsk, Soĉi - po 10, Talgar, Angarsk - po 5.

OkSEJT-19: Ĥarkov, Ivanovo, Kievo, Moskvo, Novomoskovsk - po 40, Lvov - 30, Rostov-Don, Ufa, Vilnius - po 20, Talgar, Tiĥvin - po 15.

La poentigo validas por la unua periodo de la agadjaro 1977/78.

LA STATISTIKO DE OrSEJT-19

La tendaron partoprenis 126 geesperantistoj el 31 urboj: Barnaul - 13, Omsk - 11, Krasnojarsk, Miass, Tjumenj - po 10, Ufa - 9, Salavat - 8, Ĉeljabinsk, Kujbiŝev - po 6, Moskvo, Talgar, Iĵevsk - po 4, Novosibirsk, Soĉi, Ustj-Kamenogorsk - po 3, Meĵdureĉensk, Riga, Sizranj, Sterlitamak, Satka, Taŝkent - po 2, Angarsk, Doneck, Magnitogorsk, Permj, Alma-Ata, Kemerovo, Kirov, Kolomna, Samarkand, Sverdlovsk - po 1.

Laŭ aĝo: ĝis 15 jaroj - 5, 16 ĝis 20 - 41, 21 ĝis 25 - 34, 26 ĝis 30 - 19, 31 ĝis 40 - 22, 41 ĝis 50 - 2, 51 ĝis 60 - 2, pli ol 60 - 1. Meza aĝo - 25 jaroj.

Laŭ partieco: KPSU - 5, VLKSM - 81, pioniro - 1, senpartiaj - 40.

Laŭ sekso: viroj - 49, virinoj - 77.

Laŭ nacieco: rusoj - 97, tataroj - 7, germanoj, ukrainoj - po 5, hebreoj - 4, baŝkiroj, latvoj - po 3, armenoj, kazaĥoj - po 1.

Laŭ klero: supera - 34, nefinita supera - 22, meza speciala - 19, meza - 38, nefinita meza - 13.

Laŭ profesio: studentoj - 44, inĝenieroj - 22, instruistoj, lernantoj - po 13, laboristoj - 12, oficistoj - 9, tradukistoj, pensiuloj - po 2, agronomoj, sciencistoj, teknikistoj - po 1.

Laŭ E-aĝo: 1928 - 1, 1957 - 1, 1959 - 1, 1960 - 1, 1962 - 2, 1964 - 1, 1966 - 4, 1967 - 1, 1968 - 3, 1969 - 1, 1970 - 2, 1972 - 6, 1973 - 6, 1974 - 7, 1975 - 12, 1976 - 32. 1977 - 45.

Laŭ partopreno en SEJToj: 10-foje - 2, 9 - 2, 8 - 4, 7 - 1, 6 - 2, 5 - 4, 4 - 4, 3 - 17, 2 - 23, 1 - 67.

Simbole partoprenis 13 personoj el 9 urboj.

Kompilis T.Koptjagina, A.Mitrofanov (Miass).

REZULTOJ DE BELARTAJ KONKURSOJ "ORIENTO-77"

I. Originala prozo - ne okazis.

II. Originala poezio - ne okazis.

III. Originala kantoteksto:

1-a premio - ne aljuĝita;

2-a premio - al Piroĵnaja N. (Soĉi) por "Bela Soĉi";

3-aj premioj - al Medinŝ A. (Riga) por "Esperanto iru tra la mond'" kaj al Kutlubajeva R. (Ŝalavat) por "Sur Miassa terglober'".

IV. Originala melodio:

1-a premio - al Aroloviĉ N. (Sizranj) por "Solvejg" (teksto de A.Blok, traduko de L.Novikova);

2-a premio -al Novikova L. (Miass) por "Iras abiturient'..." (teksto de K.Kalocsay);

3-a premio - al Danilov V. (Ufa) por "Ĉe la disiĝ'" (teksto de A.Aleksandrov).

V. Tradukita prozo ("Solneĉnij kamenj" de P.Baĵov):

1-a premio - ne aljuĝita;

2-a premio - al Novikova L.;

3-aj premioj - al Kurepina T. (Rostov-Don) kaj al Oĥotin M. (Melniĉnoje, Krimeo).

VI. Tradukita poezio:

1-a premio - al Novikova L. por "Mi vane, kiel per spilil'" (M.Cvetajeva) kaj "Anseroj" (aŭtoro nekonata);

2-a, 3-a premioj - ne aljuĝitaj.

VII. Tradukita kantoteksto:

1-aj premioj - al Cvileneva N. (Ufa) por "Malnova studenta kanto" (B.Okuĝava) kaj al Aroloviĉ V. (Moskvo) por "Najtingala bosko" (A.Popereĉnij);

2-a premio -al Izosimov V. (Tjumenj) por "Gloras la maro - benita Bajkal'" (teksto popola);

3-a premio - al Iljuŝina T. (Salavat) por "Unua de aprilo" (I. Ŝaferan) kaj "Tre ŝtas mi..." (M.Cvetajeva).

VIII. Plenumo de versaĵoj:

1-a premio -al Novikova L. por "Mi vane, kiel per spilil'" kaj "Anseroj";

2-a premio - al Buttaŭ A. (Novosibirsk) por "Silentas mi..." (J.Baghy);

3-a premio - al Girŝ L. (Omsk) por "Al hundo de Kaĉalov" (S.Jesenin).

IX. Plenumo de kantoj:

1-a premio - al Moŝkina V. (Miass), Borisov L. (Kolomna) por

"Oriento" (E-teksto de L.Novikova);
2-a premio - al Aroloviĉ N., Ŝerstnjova J. (Moskvo) por "Ĉe la klara fonteto" (muziko de N.Aroloviĉ, teksto de N.Monneyron);
3-a premio - al grupo de salavataj esperantistoj por "Sur Miassa terglober'".

X. Konkurso de fotaĵoj:
1-a premio - al Iljuŝina T., Vjazovcev V. (Salavat) por "Denaska esperantistino";
2-a premio - al Grebenjuk V. (Miass) por "Dum brua balo";
3-a premio - al Novikova L. por "Rememoro pri SEJT-17".

XI. Konkurso de lumbildoj:
1-a premio - al Kolker B. (Ufa) por serio pri SEJT-18;
2-aj premioj - al Krasnojarska E-klubo por serio pri SEJT-18 kaj kluba vivo kaj al Tjumena E-klubo por serio pri REVU-15 kaj kluba vivo.
3-a premio - al Maliŝev V. (Miass) por serio pri BET-17.

MALPAROLIGA PERIODO

Viĉa tendaro, OrSEJT-19. Ĉu bona, ĉu malbona estis ĝi? Al unu ĝi plaĉis, ĉar li povis nokte diboĉi kaj tage dormi, alia konstante lamentis pro longa marŝado kaj "azena" tendotrenado... Opinioj malsamas.

Mi nun volas tuŝi nur unu flankon de la tendaro, nome la paroligan. Ĉu sukcesa ĝi estis? Laŭ mi, ne tre. Mi provu formuli la kialojn. Tiuj ĉefaj estas kvin.

Unue. Estis neglektita la ĉefa celo de PP. La tritagan marŝadon oni povis nomi kiel ajn: marŝiga periodo, anekdota, krokodiliga... nur ne paroliga. Apenaŭ en 3 grupoj (el 8!) okazis ĉiutaga E-instruado almenaŭ duhora. La ĉefa strebo estis ne misiri la programitan vojon kaj nepre viziti la "ĉinan muron". Kaj oni iris, misiris kaj tamen vizitis - je kosto de la valoregaj PP-horoj. Kiu kulpas? La Metodika fako, kiu ĝustatempe ne ne donis programon por PP, kaj la mastroj, kiuj ellaboris vojplanojn, ne permesantajn pro sia longeco reale okupiĝi pri lingva instruado. Tial mi povis konstati: se miaj samurbaj komencntoj antaŭ PP iom stumblante demandis: "Kiel tion diri en Esperanto?", do post la 3-taga "paroligo" ili tiun demandon jam formulis en perfekta rusa lingvo aŭ... tute ne faris ĝin. Oni oponos: 3 tagoj ne sufiĉis por paroligi. Jes, ne sufiĉis, kaj tio restu por rimorsoj de la organizintoj. Sed ĉe respondeca rilato eĉ 3 tagoj povas doni mirindajn rezultojn, ja ni instruas Esperanton, sed ne la ĉinan.

Dua kialo. Ĝi estas parenca al la unua. La gvidantoj mem ne sufiĉe serioze rilatis al sia sankta devo. Anstataŭ ĉiun liberan minuton utiligi lingve, oni preferis uzi ĝin por naĝado, pilkado aŭ freŝa anekdoto (krokodila). Mi ne subtenas la tezon de B.Anoĥin, ke fojfoje ni tamen permesu al la komencantoj krokodili (pro laciĝo). Laŭ mi, rajtas krokodili nur instruisto, nur dum instruhoroj kaj ekskluzive nur tiam, kiam alimaniera klarigo ne eblas. Ju pli streĉa estas PP, des pli facile estos en la tendaro mem, des pli ĝi plaĉos al la komencantoj.

Trie. En la ĉefa periodo la PP-grupoj estis disformitaj. La parolantaj E-istoj aliĝis al la E-Universitato, sed la komencantoj estis unuigitaj sub gvido de E.Perevertajlo. La lasta certe ne povis atenti ĉiun aparte, kaj baldaŭ du trionoj da komencantoj, krom la lagon, manĝejon kaj alian ejon, jam nenion plu vizitis. Do eĉ la eta rezulto, atingita dum PP, estis neniigita pro la disformiteco, ĉar nova instruisto - novaj postuloj, nova metodo. La PP-grupgvidantoj rolis nur kiel deĵorestroj kaj organizantoj de provludoj.

Kvere. Pluraj aktivuloj preferis veturi Poltavon al la konferenca tendaro (nobla strebo!), sed komencantojn sendis al Miass: paroliĝu ili! Rezulte en OrSEJT el 126 personoj apenaŭ 30 povis paroli bone. Kaj eĉ el tiuj 30 ne ĉiuj gardis la lingvan disciplinon. Foje matene el tendo mi aŭskultis dumdeĵorajn interparolojn de miaj grupanoj. A.Jelizarov, plej bone parolanta el mia grupo, krokodilis. Komencantino (!) admonis lin: "Kial vi krokodilas?!". La respondo estis: "Ĉu vi estas Ebel?!"... Ĉe tia rilato al la lingva atmosfero la "Verda polico" estis senefika. Tamen eĉ per modestaj fortoj estis eble ion fari. Ekzemplo: al mi venis komencantino kaj ion demandis ruse. Mi ŝin "ne komprenis". Ŝi ripetis. Nur kiam la trian fojon mi "ne komprenis", ŝi tute senerare formulis la demandon en Esperanto kaj ricevis respondon. Sekvafoje ŝi jam eĉ ne provis alparoli min ruse.

Kvine. Karaj rekomendantoj! Ĉu vi konscias, kian grandan krimon vi faras, metante vian subskribon en aliĝilo de homo, kiu tute ne parolas kaj eĉ ne strebas al tio. Vi volas lin esperantistigi kontraŭ lia volo. Vi ne sukcesis tion atingi dum la jara instruado kaj nun esperas, ke tion faros la tendaro. Utopio! Li ne nur ne paroliĝos mem, sed ankaŭ estos baro sur la vojo de aliaj. Ja la malsano "krokodilado" estas tre infekta. Por ne esti nudvorta mi nomos almenaŭ du urbojn, el kiuj venis tia "kruda materialo": Meĵdureĉensk kaj Satka (rekomendintoj S.Kotljarov kaj F.Faizova). Plej multe pri tio povus atesti Z.D.Skvorcova kaj N.Korĵenevskaja, kiuj havis rektan rilaton al simila "materialo". Mi miras, kiel oni povas rekomendi homojn, kiuj plej verŝajne malutilos, eĉ malhelpos en la tendaro. Ja el malbonaj semoj ne estos bona rikolto. Prefere rekomendu du homojn fidindajn ol dek hazardajn. Eltrovi tiujn fidindajn eblas jam dum la kurso, interurbaj kaj regionaj renkontiĝoj.

Kelkajn konkludojn el ĉio ĉi faru mem, kelkajn mi sufloros. Ni devas pli multe da atento dediĉi al la lingva flanko, sed ne al distra programo. La lasta estu originala kaj varia, sed ĝi servu por bono de la unua. La programo kaj vojplanoj por PP estu ellaboritaj tiel, ke nur la unua kaj lasta tagoj estu dediĉitaj al marŝado, kaj tri plene al paroligo. Por la venontjaraj organizantoj mi rekomendus ankaŭ severe selekti aliĝantojn. Ne, ne limigi la kvanton de komencantoj, sed ne akcepti al la tendaro tiujn homojn, kiuj en pasintaj tendaroj neglektis la disciplinon, kaj severe rilati al la fuŝrekomendoj.

Viaj opinioj?

V.Ebel (Barnaul).

## IOM PRI POEZIO

La lasta SEJM-Konferenco komisiis al mi estri dum la agadjaro 1977/78 la belartan fakon, en kiu unuiĝis la estintaj kanta kaj poezia fakoj. Verŝajne, la laboron mi devus komenci per preparo kaj publikigo de la detala analizo pri stato de la belarta laboro en SEJM. Dume mi ne kapablas fari ĝin, do mi decidis prezenti al vi negrandan kolekton de eldiroj, epizodoj, dokumentoj ktp, kiuj havas senperan rilaton al la temo.

<u>Eldiro 1:</u> "Kiam la Poezio ĉeestas, iuj povas ne rimarki ĝin, tamen se ĝi forestas, la homoj asfiksias." (E.Vinokurov, konata soveta poeto)

<u>Epizodo 1:</u> Tiu ĉi renkontiĝo kun K.M.Gusev, konata E-poeto kaj tradukisto, okazis antaŭ naŭ jaroj. Tiutempe ni klopodis revivigi la pereintan belartan revueton "Velo" kaj venis al li por montri kelkajn publikigotajn materialojn. La renkontiĝo pasis bonege, kun interesa diskuto. La plejmulto da niaj materialoj, verdire, estis

ne tro altnivela, kaj ni ricevis multajn kritikajn rimarkojn de Konstantin Miĥajloviĉ. Fine li diris: "Zorgu pri la kvalito de la poeziaĵoj. Se estonte ĉe vi aperados nur similaj materialoj, do post iom da jaroj eble en nia lando tute mankos E-poetoj".

Eldiro 2: "Verketi, jes, eĉ multaj tion faris,
ricigis nin per unu volumeto
kaj poste silentadis..."
(W.Auld, konata E-poeto)

Epizodo 2: Tio okazis antaŭ ioma tempo. Iu diskutante kun s-ano G.Gercikov (Talgar) klopodis certigi lin, ke inter E-junularo en nia lando nuntempe forestas poetoj. "Kial forestas?! - arde reeĥis k-do Gercikov. - Jen, Bronŝtejn!"...

Dokumento 1: Al Gercikov G.M.
de Bronŝtejn M.C.

PETSKRIBO

Mi informas Vin, ke mi havas jam 4 - 5, eble 6 memverkitajn versaĵojn, sed ne havas esperon, ke ilia kvanto atingos dekon. Tiukaŭze mi petas Vin uzi por insulti min anstataŭ "poeto" alian moknomon, ekz. "administranto de poezio".

M.Bronŝtejn.

Epizodo 3: Antaŭ iom da monatoj mi renkontiĝis en Leningrado kun kelkaj diverslandaj esperantistoj kaj demandis, ĉu ili konas nuntempajn sovetajn E-poetojn. Mi evitu citi la nomojn, sed la demanditoj estis tre kleraj esperantistoj. Okcidenteŭropanoj tuj nomis L.Jevsejeva, kies porinfanaj versaĵoj ofte aperas en "Heroldo", rememoris pri R.Grinŝpan; bulgaro aldonis la nomon de J.Majburova, gajninta antaŭnelonge la unuan lokon en la konkurso de "Bulgara Esperantisto". Kaj - tuto, la listo finiĝis. Eĉ ne unu nomon plu sukcesis nomi la eksterlandanoj.

Dokumento 2: La literatur-muzikan renkontiĝon "Muzo-76" partoprenis 29 personoj. Foreste partoprenis 9 personoj. ("Kurte" N-2)

Epizodo 4: Dum SEJT-18 en Tiĥvin sinofere laboris nia bona gitaristo L.Borisov el Kolomna, ĉiutage instruante novajn kantojn. Al demando pri la kaŭzo de tiu sinofero li respondis: "Se novan kanton ne instrui tuj, oni ĝin tuj forgesos!".

Eldiro 3: "Min tiel ofendis oni -
Eldonis mian kantaron..."
(D.Lukjanec)

Komento: La lastan bonkvalitan kantareton la kanta fako de SEJM aperigis en 1971. Post ĝi diversloke aperis nur kelkaj pli aŭ malpli kripligitaj kolektoj de kantotekstoj, kiuj preskaŭ neniel helpis al vastiĝo de novaj kantoj.

Eldiro 4: "...Vere la lingvo sen poezio estas malplena botelo, eĉ pli - importa botelo, kiun oni nenie akceptas!" (Tre legoklera s-ano)

Iom lirika fino: Parolas oni nun kun vervo kaj potenco,
Ke Esperanta sun' leviĝos tra scienco,
Sed dum la parolad' forgesas kun obstino
Vi, kara kamarad', ke estis jam latino.
Oponus mi al vi per sola nur sentenco:
Progresas lingva viv' ne tra sed kun scienco.
Kaj tamen, miskompren' en vivo multfaceta
Alarmas pri alven' de la danĝer' konkreta.
Apudscienca ŝlim' - nur por la homoj vantaj...
Ĉu vin ne kaptas tim', ke maljuniĝis kantoj?
Ke kreskas en Movad' burokratia pezo?
Ĉu jaroj da stagnad' - ne tro terura prezo?
Kaj multas tiuj "Ĉu". Post farnient-atako
Sur tomb' de l' fakoj du belarta ĝermas fako.
Ĉu vivos ĝi aŭ ne - decidu mem, SEJM-anoj,
Car tiu fadenet' en viaj restas manoj.

Aldono: Laborprogramo de la belarta fako

| Nº | Afero | Plenumtempo |
|---|---|---|
| 1. | Kolekti ĉiujn versemulojn, muzikistojn kaj pentristojn de SEJM kaj apude por komuna laboro | tuj |
| 2. | Kolekti originalajn kaj tradukitajn poeziaĵojn, kantojn | tre baldaŭ |
| 3. | Establi kontaktojn kun parencaj fakoj de alilandaj E-organizaĵoj kaj kun organizantoj de Belartaj konkursoj | tre baldaŭ |
| 4. | Prepari por eldono kaj eldoni kolekton de novaj kantoj | baldaŭ |
| 5. | Prepari bazon por konstanta aperigo de duonjara belarta almanako | ne tre baldaŭ |
| 6. | Analizinte sperton de la konkursaj renkontiĝoj "Muzo", "Liro" prepari kaj organizi altkvalitan fakan renkontiĝon | iam |

Rimarko: Pli precizan tempon mi indikos, kiam mi scios la nombron de dezirantoj kunlabori kaj iliajn kapablojn. Por informi aŭ peti informojn kontaktu min laŭ la adreso: 187500 Leningradskaja obl., Tiĥvin, ab. jaŝĉik 2.

M.Bronŝtejn, la fakestro.

## ALVOKO DE BELORUSA ESPERANTISTO

En 1982 la belorusa popolo solene celebros 100-jaran datrevenon de la naskiĝo de du grandaj belorusaj verkistoj - poetoj, klasikuloj de la nova belorusa literaturo Janka Kupala kaj Jakub Kolas. Laŭ decido de UNESCO la jubileoj estos celebrataj en la tuta mondo. Sekve en nia lando kaj eksterlande estos interalie preparitaj novaj eldonoj de verkaroj de Janka Kupala kaj Jakub Kolas en multaj lingvoj. Certe ni, esperantistoj, dezirus vidi iliajn verkojn, eldonitajn ankaŭ en Esperanto. Sed tio estas dubinda sen helpo de la tutmonda esperantistaro. Nome tio instigis min al peto pri apogo kaj helpo v i a, karaj adeptoj de la internacia lingvo.

Do mi petas vin:

1. Bonvolu turni vin al la eldonejo "Belarusj" (Leninskij prospekt 79, SU-220041 MINSK-41, USSR); demandu, ĉu oni antaŭvidas eldoni verkojn de Janka Kupala kaj Jakub Kolas en Esperanto okaze de ilia 100-jara jubileo, kaj esprimu vian deziron posedi similan eldonaĵon. Enlandanoj skribu en la rusa lingvo, eksterlandanoj - en Esperanto.
2. Pri via letero al la eldonejo nepre bonvolu informi min almenaŭ per poŝtkarto.
3. Bonvolu diskonigi mian alvokon al ĉiuj konataj de vi esperantistoj.
4. Bonvolu helpi al mi trovi poezitradukantojn.
5. Poezitradukantoj! Bonvolu nepre helpi per viaj tradukoj, farotaj helpe de laŭvortaj (subliniaj) tradukoj, kiujn mi volonte disponigos al vi.
6. Redaktoroj de E-gazetoj! Bonvolu lokigi tradukojn el Janka Kupala kaj Jakub Kolas sur paĝoj de la redaktataj de vi eldonaĵoj.

Via tuja reeĥo ne estas tro frua!

Adam Pavljukovec (225650 Luninec Brestskoj, p/k 17).

KIE DO ESTAS LA TRADUKA FAKO?

Mi estas subtenanto de SEJM. Tial, ŝajnas, mi rajtas ricevi helpon de nia traduka fako, ĉu ne? Mi tre dezirus ekposedi la arton de traduko. Mi dufoje provis partopreni konkursojn, aranĝitajn de la traduka fako. Tamen eĉ ne unu fojon mi ricevis respondon de ĝi. Iam vintre mi sendis al k-do Ebel mian laboron - tradukon de unu legendo kune kun la originalo. Sed ĝis nun mi ricevis nenian respondon. Poste, traleginte en "Aktuale" deklaron de k-do Ebel, ke lia fako komencas labori, kaj proponon sendi pleniĝitan demandaron, mi tion faris. Kaj denove nenio plu estas... Ĉiufoje mi enmetis markitan koverton por respondo.
Ĉu mi iam ĝisatendos respondon de la traduka fako?

M.Oĥotin, subtenanto de SEJM (Melniĉnoje, Krimeo).

NOTO DE LA REDAKTORO. Kelkan tempon post tiu ĉi repliko la redakcio ricevis sciigon de k-do Oĥotin, ke li ricevis respondon de V.Ebel kaj estas tute kontenta pri ĝi. La repliko tamen estas publikigata kiel atentigo al la SEJM-funkciuloj pri la nepra neceso respondi ĝustatempe ĉiujn leterojn lige kun ilia agadsfero.

ABONANTOJ, ATENTU!

Komenciĝas la nova periodo por gazetabonado. Por fari la laboron korekte kaj ĝustatempe, necesas ke la abonantoj sendu la abonojn jam antaŭ la templimo - por ke ankaŭ mi havu iom da tempo por ordigi la aferojn! - kaj plej grave, ke oni NE sendu siajn adresojn en malorda, loza, nelegebla skribo. Pro la nelegeblaj adresoj pasintjare mi ne povis pritrakti multajn abonojn! La abonojn kaj pagojn sendu samtempe, mi ne havas specialan librotenadon por la ŝuldantoj... La abonmonon NE SENDU TELEGRAFE, per tio mi neniom gajnos nek ricevos viajn adresojn!
La abonperiodo por 1978 daŭras ĝis la 10-a de decembro 1977. Post tiu dato (se mi ne anoncos ŝanĝojn) mi ne plu povos akcepti iujn abonojn.
La abonojn (adresoj KLARE skribitaj, kun poŝtindekso!) kaj la monon sendu al PALU Johannes Juhanoviĉ, 200016 TALLINN, do vostrebovanija.

Aboneblas por 1978:
HEROLDO DE ESPERANTO, 17 n-roj, jarabono 11 rub. + 15 kovertoj al la peranto, sur ĉiu koverto 3-kopeka poŝtmarko kaj la adreso de la abonanto. Dissendos la peranto.
HOMO KAJ KOSMO, popularscienca revuo, el Jugoslavio, 4 n-roj, jarabono 3 rub.
DER ESPERANTIST, 6 n-roj, el Germana DR, jarabono por unuopuloj 1,50 rub., por grupa abono (ne malpli ol 5 abonoj al unu adreso) po 1,20 rub. Al unuopuloj dissendos la peranto.
SCIENCA MONDO, nova popularscienca revuo, aboninda pro la malalta abonprezo kaj valora enhavo, 4 n-roj, jarabono 2 rub. Sampreze haveblas jarkolektoj 1976 kaj 1977.
BULGARA ESPERANTISTO, 12 n-roj, jarabono 2,50 rub.
HUNGARA VIVO, 6 grandaj n-roj, jarabono 4 rub.
LITERATURA FOIRO, kultur-literatura revuo el Finnlando, 6 n-roj, jarabono 5 rub. Sampreze haveblas jarkolektoj ekde 1970. Pro poŝto eblos malfruiĝoj kaj nealveno.
SCIENCA REVUO, 6 n-roj, jarabono 7,50 rub. (kun membreco de ISAE), el Jugoslavio.
Por aliaj revuoj mi NE AKCEPTAS ABONOJN.

J.Palu, la peranto.

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

LA REDAKCIO RICEVIS

- la bultenon "Scienco sen limoj" N°11(13), eldonatan de la Scienc-teknika fako de SEJM. En la numero: artikolo de M.Ziskandoviĉ "Iom pri la uzado de la ST-informaĵo", novaĵoj el E-lingva scienco kaj tekniko k.a.
- la informilon "Lumo verda" N°2(15) - organon de la interurba klubo "Antaŭen". En ĝi troveblas: materialoj lige kun la 60-jara datreveno de la morto de L.L.Zamenhof, konstanta rubriko "La klubanoj prezentas sin", informoj de la klubanoj pri interurba E-renkontiĝo en Ĉeljabinsk kaj pri REVU-14, pri "Neĝfloketo-77", originala interesa eseeto "Esperanto en Mozambiko", anoncoj k.a.
- la saman, N°4(17). La numero enhavas: artikolon de prof. Th. Cart "Esperanto - lingvo vivanta", sinprezentojn de la klubanoj, intervjuon kun B.G.Kolker (el "Amikeco"), artikolon de A.Vaitilaviĉius "Pri la senco de la slogano 'Amikeco trans limoj'" (el "Bulgara Esperantisto"), rakonton de M.Oĥotin "Du renkontiĝoj en Moskvo", E-novaĵojn k.a. En la literatura suplemento al la numero elstaras la vojaĝaj skizoj de S.Galkin "Marvojaĝo al Mozambiko".
- la saman, N°5(18). En la enhavo: la Bulonja "Deklaracio pri Esperantismo" de 1905 kaj aliaj materialoj omaĝe al la 90-jara jubileo de Esperanto, la rubriko "La klubanoj prezentas sin", artikolo de A.Ĥarkovskij "Ĉu Esperanto estas nura ilo?" (el "A"-5(38)), intervjuo kun d-ro M.Isajev (el "Bulgara Esperantisto"), artikoleto de N.Aroloviĉ pri CRRER-15 kaj REVU-15 k.a.
- protokolon N°10 de Gorkia grupo de IAdEM (Internacia Asocio de Esperantistoj Matematikistoj). Temas pri kelkaj terminoj, precizigataj laŭ sugesto de Terminologia Centro de ISAE.

LA 2-A BAŜKIRIA E-RENKONTIĜO

okazis la 1-an - 3-an de julio en Salavat. Partoprenis 25 personoj el 5 loĝlokoj. La partoprenintoj vizitis ekspozicion de bildoj pri Salavat Julajev, aŭskultis prelegon de R.Kutluĥajeva pri lia partopreno en la Kamparana milito. B.Kolker prelegis pri nialanda E-movado kaj montris lumbildojn pri E-renkontiĝoj. Krome okazis dancvespero, boatpromenado ktp.

V.Vjazovcev (Salavat).

LA UNUA E-PARO EN KRASNOJARSK!

La 23-a de septembro estis solena tago por la krasnojarska esperantistaro. En la urba Kulturpalaco, kie situas la klubo, en la rondo de geamikoj-esperantistoj kaj ambaŭflankaj parencoj oni festis la geedziĝon de la klubaj geaktivuloj Aleksandr Urdajev kaj Olga Nasonova. La "kulpuloj" de la solenaĵo, kiuj evidente decidis, ke estas pli bone okupiĝi pri E-aferoj kune ol dise, estis ĉeftemo de 20-minuta "televida programo", preparita de la klubanoj. Estu ĉiam feliĉaj, karaj gesamideanoj, estimataj geedzoj Olga kaj Saŝa!

LA REDAKCIO REMEMORIGAS

La tekstoj por "A" estu tajpitaj aŭ klare skribitaj, kun intervaloj kaj marĝenoj por la redaktado. Ĉiuj tekstoj estu en Esperanto, escepte se konservo de la nacilingva teksto estas esenca. La indikon "por 'Aktuale'" skribu super la teksto, sed ne surkoverte. La fermodato por ĉiu numero estas la 10-a de la respektiva monato.

EN LA SEKVA NUMERO

aperos artikolo de A.Medinŝ pri organizo de klubkunvenoj

---

La informilo estas uzenda nur enlande! Fintajpita 22.10.77.
Ĉiujn materialojn por "A" sendu al 121019 Moskvo d/v Aroloviĉu V.S.